HAMBURG Esperanto

3/1993

Junio/Julio

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



# Mortis la Hamburga Policisto

**Hamburg (ehh). "Mi estas Aŭgust Weide. Mi estas policisto." - Tiel dum jardekoj komenciĝis liaj Esperanto-kursoj. Laŭ la Cseh-metodo li instruis en diversaj landoj. La internacia Esperanto-movado perdis fervoran instruiston kaj Hamburga Esperanto-Societo funebras pri la forpaso de sia Honora Prezidanto.**

Unser Ehrenvorsitzender, August Weide ist am 7. April 1993 gestorben. Ein bewegtes Leben ging zu Ende. Am 8. Juli wäre August Weide 89 Jahre geworden. Schon in jungen Jahren, 1929, wurde August Weide Mitglied in der Hamburger Esperanto-Vereinigung.

***Fortsetzung auf Seite 3***

Nia Honora Prezidanto, August Weide, mortis la 7an de Aprilo 1993. Okazoplena vivo finiĝis. La 8an de Julio ĉi-jare August Weide estus fariĝonta 89jara. Jam en sia junaĝo, en 1929, August Weide fariĝis membro en la tiama Hamburga Esperanto-Klubo.

***daŭrigo sur paĝo 3***

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 4/1993: 10-07-93**

**Oni ne faru la aferojn ĝuste - sed la ĝustajn aferojn!**

*John Hormann, manaĝero de IBM*

## Atentu!

Ekde la 1a de Julio validas la novaj poŝtkodoj en tuta Germanio. Jen kelkaj Esperantistaj adresoj en Germanio:

Deutscher Esperanto-Bund
Germana Esperanto-Asocio
Rheinweg 15
**53113 Bonn**

Deutsche Esperanto-Jugend
Germana Esperanto-Junularo
Unter den Linden 36 - 38
**10117 Berlin**

Fervojista Komisiito
Klaus Böhnke
Matthäistraße 7
**23554 Lübeck**

Esperanto aktuell
p/a Frank Stocker
Alban-Stolz-Straße 20
**79108 Freiburg**

Esperanto aktuell
p/a Ulrich Becker
Küstriner Straße 3
**13055 Berlin**

La novaj poŝtkodoj jam funkcias! Fine de Aprilo mi ricevis leteron el Pollando kun la nova poŝtkodo. Ĝi bezonis nur tri **!** tagojn.

*Benno Klehr*

***Fortsetzung von Seite 1***

Er war der Weggefährte von Hans Schütt, und besuchte mit ihm 1932 den Universala Kongreso in Paris. Er war als SPD-Sympathisant - und Esperantist - unbequem: 1933 wurde er aus der Polizei entlassen. August Weide ließ sich als Cseh-Esperanto-Lehrer in den Niederlanden ausbilden und fuhr in verschiedene Länder zu Unterrichtszwecken - unter anderem nach Dänemark, wo er seine künftige Frau Edith in Århus kennenlernte. 1945 kehrte August Weide nach Hamburg zurück, und wurde von der Polizei wieder eingestellt. Er kam auch zu unserer Hamburger Esperanto-Vereinigung als Mitglied zurück. In der Polizeischule Altona, Viktoriakaserne, bildete er in mehreren Kursen Polizisten zu Esperanto-Sprechern aus, die sogar im Dienst mit einer Armbinde **Esperanto-Dolmetscher** gekennzeichnet wurden. Die Polizisten und Polizistinnen führten zahlreiche Esperanto-Gruppen durch Hamburg. Seinen letzten Kurs leitete er im Alter von über 70 Jahren. Viele seiner Esperanto-Schüler sind noch heute für Esperanto tätig. August Weide setzte sich in den Behörden für Esperanto ein, besuchte weiterhin Kongresse, und wurde Ende der 50er bis in die 60er Jahre Vorsitzender des Esperanto-Vereins Hamburg. 1964 wurde August Weide als Polizei-Oberrat pensioniert; er blieb aber unermüdlich für Esperanto tätig. August Weide erhielt das Esperanto-Verdienstabzeichen **Pro la Merito** des Deutschen Esperanto-Bundes, und wurde auch zum Ehrenvorsitzenden des Esperanto-Vereins Hamburg gewählt. Seine Tochter Eliza und Sohn Peter lernten von Kind an Esperanto sprechen, und blieben auch der Esperantobewegung bis heute treu. Während sein Sohn Peter noch in Hamburg wohnt, leben seine Tochter Eliza und die Enkelkinder in Belgien. 1989 zog August Weide nach einem Schlaganfall in ein Seniorenwohnheim in Lokstedt um, und es wurde ruhiger um ihn. Aufgrund seiner großen Verdienste wird August Weide in der Esperantobewegung immer in guter Erinnerung bleiben.

*Hella Lanka*

***daŭrigo de paĝo 1***

Li estis vojkunulo de Hans Schütt, kun kiu li en 1932 vizitis la Universalan Kongreson en Paris. Lerninte la profesion de ŝuisto, la ploicisto estis simpatianto de la Socialdemokrata Partio - kaj Esperantisto. Tio ĝenis la politikan reĝimon: En 1933 li estis maldungita de la polico. August Weide trapasis ekzamenon ĉe la Nederlanda Cseh-Instituto, kaj vojaĝis kiel instruisto al diversaj Eŭropaj landoj - inter aliaj al Danlando, kie li konatiĝis kun sia posta edzino Edith en Århus.

En 1945 August Weide revenis al Hamburg kaj estis akceptita kaj dungita en la nova polico. Li ankaŭ revenis kiel membro al la refondita Hamburga Esperanto-Societo.

En la Polica Lernejo en Altona, Viktoria-kazerno, li instruis dum pluraj kursoj policistojn, kiuj poste eĉ ofice portis rubandon ĉe la brako, kiu indikis, ke ili parolas **Esperanton**. La gepolicistoj gvidis multajn Esperanto-grupojn tra Hamburg. La lastan kurson li gvidis en aĝo de pli ol 70 jaroj. Multaj el la Esperanto-lernantoj de li ankoraŭ estas aktivaj por Esperanto ĝis hodiaŭ. August Weide ĉiam klopodis porti Esperanton al la ŝtataj instancoj, kaj li plue vgizitis kongresojn, kaj fine de la 50aj jaroj ĝis la 60aj li estis prezidanto de Hamburga Esperanto-Societo. En 1964 August Weide fariĝis pensiulo en rango de supera polica oficiro, sed li restis senlace laborema por Esperanto. August Weide ricevis la ordenon **Pro la Merito** de Germana Esperanto-Asocio, kaj estis elektita Honora Prezidanto de Hamburga Esperanto-Societo. Liaj filino Eliza kaj filo Peter lernis Esperanton denaske, kaj restis fidelaj al la movado ĝis hodiaŭ. Dum lia filo Peter ankoraŭ loĝas en Hamburg, lia filino Eliza vivas kun la genepoj en Belgio.

En 1989 August Weide post apopleksio ekloĝis en flegejo por maljunuloj en Hamburg-Lokstedt, kaj lia vivo fariĝis tre silenta. Pro liaj grandaj meritoj August Weide ĉiam restos en la memoro de la Esperanto-movado.

*Laŭ Hella Lanka, kasistino kaj kronikistino de Hamburga Esperanto-Societo r.a.*

## Messe Weiterbildung - Schaufenster für Interessierte

von Bodo Schneider

Vom 23. bis 25. April fand in den Hamburger Messehallen die *Messe Weiterbildung 93* statt, verbunden mit der Messe *Buch Hamburg*. Wir nahmen mit einem Informationsstand teil, der zwei Schwerpunktthemen zeigte: Zum einen wollten wir überzeugen, daß es unmöglich ist, alle eigentlich benötigten Sprachen zu lernen, und daß es wirkungsvoller ist, wenn alle die gleiche Zweitsprache Esperanto lernen. Zum anderen zeigten wir Zitate des bekannten und gefeierten Dichters Umberto Eco, in denen er sich für Esperanto einsetzt.
Etwa 17.000 Besucher kamen an unserem Informationsstand vorbei, und viele ließen sich über Esperanto informieren. 150 Namen haben wir erfaßt und etwa 130 Freikarten für einen dreistündigen Schnupperkurs verlost. Der Schnupperkurs fand eine Woche später statt, und trotz herrlichen Wetters kamen 23 wißbegierige, vorwiegend junge Menschen. Inzwischen haben sich vier Personen für einen Anfängerkurs angemeldet. Wir sind gespannt, wieviele den Weg zu Esperanto finden.
Aus den Fragen haben wir einige Erkenntnisse gezogen, die uns in Zukunft helfen können. Den Besucher interessiert, wie man Esperanto nützlich (gewinnbringend) einsetzen kann. Dazu müssen wir Informationen sammeln, wo Esperanto bereits erfolgreich eingesetzt wurde, und müssen die Vorbedingungen für weitere erfolgreiche Einsätze schaffen.
Eine zweite häufige Frage war die, ob man Esperanto im Bildungsurlaub lernen kann. Bisher besteht in Hamburg diese Möglichkeit noch nicht. Um die zu schaffen, brauchen wir Kursleiter, die nachweisbar die benötigte fachliche und pädagogische Qualifikation, sowie Erfahrung in der Erwachsenenbildung haben.
Im Ganzen können wir sagen, daß unsere Teilnahme an der Messe eine erfolgreiche Aktion war, und wir möchten allen danken, die zu diesem Erfolg beigetragen haben.
Aber, wenn wir verhüten wollen, daß unsere bereits geleistete Arbeit vergeblich war, müssen wir noch eine ganze Menge tun.

# Messe *Weiterbildung* 93

## Foiro pri Pliklerigo - Montrofenestro por interesatoj

de Bodo Schneider

Ekde 23a ĝis 25a de Aprilo en la Hamburgaj foirhaloj okazis la *Foiro pri Pliklerigo 93* kune kun la Foiro *Libro Hamburgo*. Ni partoprenis kun informstando, kie ni montris du ĉeftemojn: Unue, ni volis konvinki la vizitantojn, ke neeblas lerni ĉiujn bezonatajn lingvojn, sed estas pli efike, ke ĉiuj homoj lernu la saman duan lingvon Esperanton. - Due, ni eksponis citaĵojn de la konata kaj honorigata poeto Umberto Eco (Eko), en kiuj li pledis por Esperanto.
Preterpasis nian informstandon proksimume 17.000 vizitantoj, el kiuj multaj, multaj deziris informojn. Ni kolektis 150 nomojn de interesitaj personoj kaj disdonis 130 senkostajn biletojn por trihora provkurso (Schnupperkurs). Ĝi okazis unu semajnon poste en nia klubejo, kaj - malgraŭ bonega vetero - venis 23 sciavidaj, precipe junaj personoj. Intertempe aliĝis kvar personoj al kurso de komencantoj. Ni estas tre scivolemaj, kiom da personoj fine trovos la vojon al Esperanto.
El la demandoj de la vizitantoj ni eltiris kelkajn gravajn konkludojn, kiuj povas helpi al ni dum la estonteco. La vizitantoj precipe interesiĝis, kiel ili povus (profitdone) utiligi Esperanton. Por tio ni devas kolekti informojn pri la jam sukcesa utiligado de Esperanto, kaj ni devas establi la antaŭkondiĉojn por pluaj sukcesaj aplikoj.
Dua ofta demando estis tiu pri la eblecoj por lerni Esperanton en la kadro de la leĝoj pri libertempo por pliklerigo (Bildungsurlaub). Ĝis nun tia ebleco ne jam ekzistas en Hamburgo. Por establi ĝin ni bezonas kursgvidantojn, kiuj pruveble havas la bezonatajn fakajn kaj pedagogiajn kvalifikojn kaj spertojn en klerigado de adoltoj.
Resume ni povas diri, ke nia partopreno en la Foiro pri Pliklerigo estis sukcesplena agado, kaj ni volas tre kore danki al ĉiuj, kiuj kontribuis al tiu sukceso.
Tamen, se ni volas preventi, ke nia laboro jam farita iĝu senutila, ni devas fari multe plu.

# Varbado, sed ĝusta!

Kion vi kredis, kiu surskribo estus sur la ruĝa emblemo dekstre? Ĉu ne Esperanto? Ĝuste tio estas mia temo. Jam dum kelkaj jaroj mi prilaboras la ideon, ke Esperanto bezonas unikan rekonilon, kvazaŭ markosignon. Bedaŭrinde ankaŭ UEA ĝis nun ne konsekvence uzas ĉiam la saman simbolon sur siaj diversaj presaĵoj, kaj ankaŭ GEA ĝis nun ne sukcesis pri io tia, kvankam oni nun klopodas krei por GEA ian unuecan aspekton. La ĝisnuna estraro kune kun profesia desinistino ellaboris projekton kiu baziĝas sur iom ŝanĝita stelo kun unu verda streko kaj unu anstataŭita per







skribaĵo. La koloron verda oni nepre volas konseri. La koloro fakte nur havas internan signifon en la movado kaj nenion diras al eksteruloj kiujn varbaĵo ja celas. Ankaŭ la simbolo de stelo ne plu bone taŭgas. La nova simbolo, kiu aperis ĉe UEA okaze de la centjariĝo de Esperanto en 1987, estas pli moderna kaj laŭ mia opinio la formo de terglobo esprimas la intencon de Esperanto pli bone ol la stelo - en kiu ajn koloro. UEA nur heziteme uzas la novan signon, ĉar ankaŭ ĝi ne havas unuecan grafikan koncepton. Ni bezonas signon, kiun oni tuj rekonas. Ĝi davas aperi sur ĉiuj niaj presaĵoj. Post la jarĉefkunveno en Karlovy Vary, kiam GEA havos novan estraron, mi volas kontakti GEA kaj eltrovi la eblecojn, eldoni novan kvarkoloran varbilon. La unua eldono estas elĉerpita. La sukceso de tiu unua provo pri kvarkolora varbilo instigas nin daŭrigi. Se la nova estraro de GEA estos pli kunlaborema ol la antaŭa, ni eble povos eldoni pli grandan kvanton, kaj tiel teni nian allogan prezon.

*Benno Klehr*

# Esperanto



**Die Internationale Sprache**

## Solvo de Enigmo 2/93

1) PIEDFINGRO
2) LUMBRIKO
3) ELEMENTO
4) NERVO
5) UNGVENTO
6) MORBILO
7) INCIZIVO
8) ĜINO
9) IPSILONO
10) SIESTO
11) LAVANGO
12) AKCELI
13) TOKSO
14) AKORDO
15) SENTARE
16) KOSMO
17) OZ
18) PREZO
19) ETIOPIO
20) RUBENO
21) GLAVO
22) REVOLVERO
23) ARABO
24) NUKLEO
25) DAKTILO
26) AVO
27) FRAGMENTO
28) ILUZIO
29) ANASO
30) STOVO
31) KAPITANO
32) ORGENO

El la komencaj literoj legiĝas: PLENUMIĜIS LA TASKO PER GRANDA FIASKO.

# NEKROLOGO

## ★ Ni funebras ★

**La 7an de Aprilo 1993 mortis nia Esperanto-patro**

# Aŭgust Weide.

Li faris nin Esperantistoj.

Liaj Esperantistaj gefiloj

Benno Klehr, prezidanto de HES
Hella Lanka, kasistino de HES
Friedel Sudec, ekskasistino de HES
Elsbeth Wielgus, eksprezidantino de HES
Heinrich Wielgus, eksprezidanto de HES

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## JUNIO

**3** *Irmgard Karst:* **Germana Esperanto-Kongreso**

**5** *Studrondo: Eŭrokvizo de Karin kaj Stan*

**10** *Frank Merla:* **Vortkvizo**

**17** *Elsbeth Bormann:* **Mia laboro kiel animprizorgantino**

**19** *Studrondo: Kun Klaus Böhnke ni manĝos haringojn en Glückstadt*

**24** **Klubaj Aferoj** pri 90jara HES-jubileo

**28** ***GIS-Kunveno***

## JULIO

**1** **Literatura vespero** *Irmgard Karst*

**3** *Studrondo* (pulo-foiro)

**8** *Wolfgang Löbel:* **Dancigo** (video - filmo)

**15** *E. & W. Bormann:* **Amikaj interparoloj en Pollando**

**17** *Studrondo*

**22** *Hella Lanka:* **Schwerin** (video)

**26** **GIS-Kunveno**

**29** **Bildoj el Lucca** *kun klarigoj de urbanoj*

**31** *Studrondo*

**Bonvolu ne forgesi,**
**ke la tempo por manĝi ĵaŭde en la klubejo estas antaŭ la 20a horo!**

# Zamenhofs Geist in unserem Klub

**Der sächsische Ministerpräsident *K. Biedenkopf* beklagte kürzlich öffentlich die Inhumanisierung in unserer Gesaellschaft.**

**An vielen Stellen der Welt toben blutige Kriege, und auch in unserem Hamburger Alltag werden wir mit Feindseligkeit und Agression konfrontiert. Aber was können wir dagegen tun? -**

Unser großer Meister hat uns nicht nur eine Sprache geschenkt, sondern hat sich auch viele Gedanken gemacht, wie wir den **Frieden** in der Welt fördern können. Das Ergebnis sind die ethischen Ideale des Homaranismus.



Wir haben uns vorgenommen, Zamenhofs Geist wiederzubeleben, und haben eine Arbeitsgruppe *"Globaler Humanismus"* gegründet.

Wir wollen uns das Ideengebäude Zamenhofs erarbeiten und auf dieser Basis neuere Lösungsmodelle zur **Konfliktbewältigung** und zur Förderung der Verständigung und des Friedens studieren. Mit diesem Wissen wollen wir Initiativen zur Verwirklichung der Lösungsmodelle in der eigenen Lebenspraxis erarbeiten und unsere Erkenntnisse nach außen propagieren.

Unser erstes treffen hat schon stattgefunden. Sechs begeisterte Partner haben sehr zuversichtlich ihre Arbeit begonnen.

Wir freuen uns sehr, wenn noch mehr engagierte Freunde des Friedens ihre Kraft für eine bessere, lebenswertere Welt einsetzen möchten. Sie können noch einsteigen!

Wir treffen uns an jedem ersten Montag im Monat um 19.30 Uhr im Esperanto-Haus. Unsere Arbeitssprache ist Deutsch. Leider geht es nicht ganz ohne Geld, da die Kosten ja irgendwie getragen werden müssen. Der Beitrag beträgt im Jahr 80,00 DM, für Teilnehmer mit geringem Einkommen 40,00 DM. Außerdem erhalten Mitglieder der Hamburger Esperanto-Organisationen eine Ermäßigung in Höhe der Hälfte des zuletzt gezahlten Jahresbeitrages. Falls es uns gelingt, einen Überschuß zu erwirtschaften, kommt dieser den beiden Organisationen GIS und HES zugute.

*Bodo Schneider*

# Pola Radio Varsovio

**Pola Radio aŭdigas siajn Esperanto-elsendojn ĉiutage de la 4a de Aprilo 1959. Nuntempe oni disaŭdigas du elsendojn:**

15.30 h - 31,50 m, 41,99 m, 49,22 m, 200 m (= 9525, 7145, 6095, 1503 kHz)

22.30 h - 41,18 m, 41,27 m, 49,22 m, 200 m (= 7285, 7270, 6095, 1503 kHz)

La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo. Informiloj kaj mendiloj por la senkosta koncerto kun bondeziroj haveblas en la klubejo!

**Programo:**

*Lunde*: koncerto kun bondeziroj
*Marde*: trarigardo de E-revuoj kaj bultenoj
*Merkrede*: magazino "Pollando hodiaŭ"
*Ĵaŭde*: kultur-magazino
*Vendrede*: "Homoj kaj problemoj" - ĉefe Esperanto-movadaj interparoloj, sonraportoj, ktp.
*Sabate*: leterkesto - iafoje kun pertelefonaj intervjuoj kun aŭskultantoj
*Dimanĉe*: "Esperanto-ekspreso" - Raportoj pri E-movadaj okazaĵoj, intervjuoj, sonraportoj

# Praeter propter

Bi Buer Jochen Swank in Ruhn
Wier tau Besök eins ut Dargun
Ein Wirtschaftsliehrer, Doktor Klein,
Üm sien Gewäs sick antauseihn;
Denn dat müßt man oll Jochen laten,
He wüßt den Krempel antaufaten,
Blot mit de oll latinschen Namen,
Dor dürften em de Lüd nich kamen;
Von „intensiv" un „Kainit",
Von „Kalium" un von „Oxyd"

Un wo de Middels süß noch heiten,
Dor wull oll Jochen nix von weiten.
„Dat hemm uns' Ollen ok nich hatt,
Dor meßt man gaud, denn waßt ok wat!"

Na, Doktor Klein, de wier nu dor
Un mök dat Swanken Vadder klor,
Fünn dit nich recht un dat verkiehrt,
Denn up er Schaul würd't anners liehrt:
Vom Kalimangel auf der Wiese
Und von der Bodenanalyse,
Vom Stickstoffsuperoxydul –

Oll Swank ritt sparrwiet up dat Mul
Un kickt verbast den Dokter an,
He harr kein Wurt dorvon verstahn,
De Kram, de wier em tau geliehrt.
Blot harr he wat von „Stinkstoff" hürt,
Na, dissen Utdruck fünn he slecht,
Dor würd doch bäder „Meß" tau seggt.
He schürrt den Kopp: Dat weit der Deuker,
Dat jung'n Volk ward ümmer kläuker!

De Beiden kam'n up ehren Gang
Ok an den Häuhnerhof nu lang,
Un wier ein Staat mit antauseihn.

„Sieh da! Herr Schwank!" seggt Doktor Klein,
„Sie Halten ja auch Federvieh?
Na, haben Sie schon kalkuliert,
Ob sich die Haltung auch rentiert?
Gar oft sind Fazit und Bilanze
Bei Entenzucht ganz ohn' Avance. –
Na, wieviel Enten halten Sie? –
Ich mein natürlich: praeter propter. –"
Un Jochen up de Schullern kloppt he.

Oll Jochen Swank, de kickt so miesig,
De Kierl, de rädt em dumm un düsig,
Em geiht dat wirrig dörch den Kopp,
Von: praeter - propter - praeter - propp –
Ein'n Sackermentschen Namen wier't; –
Wat harr he doch von „Praeters" hürt? –

Up einmal kickt oll Jochen slau:
„Ach, soans seggen Se dortau? –
Nu kiek eins de geliehrten Harrn,
De künnen ollig spaßig warden!"
Un dorbi grient oll Jochen sick:
„Jä, Propters holl ik sœben Stück;
För de is dat 'ne Späleri,
De warden snickenfett dorbi,
Un all de annern veirdig Fräters,
All, wat Se seihn, sünd luter Präters."

*Rudolf Tarnow*

---

# Olle Kamellen?

In dat Gedich von Rudolf Tarnow kümmt een Mann, de Hochdüütsch snacken deiht. De Buer versteiht em – un snackt wieder Platt. Hüüt snackt se all Hochdüütsch, un dor kümmt so Lüüd, de seggt „Europa bruukt Engelsch" – Denn kümmt Europa ... Un? Wo löppt dat? Jümmers no dat Recht von den Stärkern.

Wi beden mit **Esperanto** een Spraak an, de nüms sien Mudderspraak verdrängen deiht. Jedereen kann Esperanto liehren, un snackt tohus sien Mudderspraak – ok as dat Engelsch is. „Ik weit einen Eikboom, de steiht an de See", sien Bläder sünd al geel. Paß op, dat dat keen Wooldstarven ward!

*Benno Klehr*

# Novaj ŝtatoj en Eŭropo

**Dum la pasintaj kvin jaroj ĉiam denove oni aŭdis kaj legis pri fondo de nova ŝtato ie en Eŭropo. Kelkajn novajn ŝtatojn mi jam priskribis en Esperanto Hamburg. Pri la plej multaj novaj ŝtatoj ankaŭ al mi mankas detalaj informoj. Tamen mi volas daŭrigi la serion.**

En tiu ĉi numero mi prezentas liston de novaj ŝtatoj kun kelkaj klarigoj pri nomo, ĉefurbo kaj enloĝantoj. Sur la apuda mapo mi indikas la situon kaj grandecon de la diversaj landoj, sed la landlimoj certe ne estas precize desegnitaj. La koloroj nur faciligu la rigardon. La ciferoj estas grasaj, kie ili troviĝas apud la koncerna lando. Mi ankaŭ signis novajn ŝtatojn apud la limo de Eŭropo, Uralo kaj Kaŭkazo.




**La skizo nur montras la landlimojn de novaj ŝtatoj!**

1. **Belorusio** aŭ Blankrusio, 10.200.000 enl., ĉefurbo: Minsk.
2. **Bosnio-Hercegovino**, 4.314.000 enl., ĉefurbo: Sarajevo.
3. **Ĉeĥio**, 10.600.000 enl., ĉefurbo: Praha (Prago).
4. **Estonio**, 1.573.000 enl., ĉefurbo: Tallin.
5. **Kroatio**, 4.655.000 enl., ĉefurbo: Zagreb.
6. **Latvio**, 2.681.000 enl., ĉefurbo Riga.
7. **Litovio**, 3.690.000 enl., ĉefurbo: Vilnius (Vilno).
8. **Macedonio** (nomo pridisputata), 2.017.000 enl., ĉefurbo: Skopje.
9. **Moldavio**, 4.341.000 enl., ĉefurbo Kiŝinev.
10. **Montenegro**, 613.000 enl. ĉefurbo: Titograd.
11. **Rusio**, 147.386.000 enl., ĉefurbo: Moskva.
12. **Serbio**, 5.787.000 enl., ĉefurbo: Beograd.
13. **Slovakio**, 5.100.000 enl., ĉefurbo: Bratislava.
14. **Slovenio**, 1.927.000 enl., ĉefurbo: Ljubljana.
15. **Ukraino**, 51.704.000 enl., ĉefurbo: Kiev.
16. ***Aŭtonomaj regionoj*** en Serbio:
    **Kosovo** (sude), 1.762.000 enl., ĉefurbo: Priŝtina.
    **Vojvodina** (norde), 2.048.000 enl., ĉefurbo: Novi Sad.

***Ĉirkaŭ la Kaspia Lago:***

17. Armenio, 3.283.000 enl., Jerevan.
18. Azerbajĝano, 7.029.000, Baku.
19. Gruzio aŭ Georgio aŭ Kartvelio, 5.449.000 enl., ĉefurbo: Tbilisi (Tifliso).
20. Kazaĥio, 16.538.000, Alma-Ata.
21. Turkmenio, 3.534.000, Aŝĥabad.
22. Uzbekio, 19.906.000, Taŝkent.

BK

# Harburg

Ĉu ĉiuj Hamburgaj klubanoj scias, ke sude de la Elbe-rivero ankaŭ estas vizitinda urbo, parto de Granda Hamburg? Kaj ĉu vi scias, ke tie loĝas membro de HES? Multaj Hamburganoj konas la urbon Harburg kiel industria urbo (Phoenix- pneŭmatikoj) kun malbonodoro k.t.tp. Sed tio grandparte estas pasinteco. Malbelaj kaj malbonaj domoj estis anataŭitaj per novaj. Harburg nun ankaŭ havas sentrafikan butikan zonon, kie sin prezentas multaj vendejoj kaj grandmagazenoj, kaj invitas restoracioj kaj stratoj kafejoj. Antaŭ la historia urbodomo oni povas sidante ĝui freŝigan fontanon. Ĉiutage oni povas antaŭtagmeze viziti la ĉarman foiron, aŭ se oni preferas la grandan parkon kun ĉarma lageto, sur kiu eblas veturi per pedal-boatoj. Tiel la vizitanto povas travivi agrablan parton de Hamburg - kaj la vizito intertempe tre faciliĝis: Per la metroo oni nur bezonas 12 minutojn de la ĉefa stacio ĝis la centro de Harburg. Por la aŭtomobilistoj ekzistas moderna sistemo de parkeja gvidado, por trovi taŭgan parkejon en la centro de Harburg. Havante iom pli da tempo, oni povas promeni en la monteta arbaro *Haake* aŭ en la erikejo de *Fischbek*. Se vi decidos resti pli longe, eble ekloĝu en unu el la belaj novaj dometoj, kiujn oni konstruis ĉe la rando de Harburg.

*Bruno Lehmann*

# Frederik, la mallaborema muso

En kamparo vivis eta familio de grizaj, babilemaj musetoj. Ili ĉie trovis ion manĝeblan kaj gvidis agrablan, iom malkonstantan vivon. En somero, kiam abundis spikoj plenaj de greno, estis ankaŭ aliaj musfamilioj, kuj ĝenis nian musfamilion per granda bruo, kiam ili eksidis en iu trankvila angulo. Do, ili decidis serĉi por loko, kie ili povu senĝene babili kaj agrable travivi la vintron.



En muro, proksime al kamparo kaj grendeponejo, inter grandaj grizaj ŝtonoj ili trovis konstantan hejmon. Bone ili sciis, ke dum vintro ne kreskas greno, kaj por ne malsati dum tiu malagrabla tempo ili komencis kolekti grenon kaj transportis ĝin en la stokon inter la ŝtonoj. Ĉiuj musoj helpis en tiu laboro krom Frederik. Li sidis antaŭ la muro, la okulojn fermitaj kaj la musoj demandis lin: *Kaj vi Frederik, kial vi dormas? Vi ankaŭ helpu!* - *Mi ne dormas,* respondis Frederik, *mi kolektas vortojn.* Venontan tagon oni trovis lin sidanta, kun la okuloj duone fermitaj. *Vidu, ĉiuj familianoj helpas kolekti grenerojn, kaj vi tie nur sidas kaj faras nenion!* Frederik trankvile respondis: *Mi ja ion faras: Mi kolektas kolorojn de la floroj kaj la radiojn de la suno.*

Venis la vintro, la musfamilio ludis en la fendoj de la muro kaj multe babilis. Ili sentis sin agrable, ĉar ili havis multon por manĝi kaj unu muso varmigis la alian. Sed post kelkaj semajnoj la ridoj inter la ŝtonoj malaperis, ĉar la lasta nukso kaj la lasta grenero estis formanĝitaj. Malgaje la musoj sidis kune, frostis, malsatis, kaj demandis: *Nu, Frederik, kie estas viaj provizoj, kiujn vi kolektis?*

Frederik grimpis sur la plej altan ŝtonon kaj diris: *Fermu la okulojn!* Li rakontis en belaj vortoj pri flavaj grenkampoj, ruĝaj rozoj kaj bluaj cejanoj. En la musaj kapoj aperis la koloroj, kvazaŭ ili estus pentritaj. Frederik priskribis la varman senton, kiam brilas la suno kaj varmigas grizajn felojn. La korpoj de la musoj malrigidiĝis, revenis ridetoj sur iliaj vizaĝoj. Frederik rakontis belajn fabelojn kaj subite falis la unua radio de la printempa suno en la fendon.



En Hamburgo vivis eta familio de verdaj, babilemaj Esperantistoj. Ili ĉie trovis ian klubejon kaj gvidis agrablan, iom malkon-

daŭrigo de p. 11

stantan vivon. En tempo, kiam abundis la nombro de Esperanto-klubanoj, estis ankaŭ aliaj gastoj, kiuj ĝenis ilian Esperanto-klubon per granda bruo, kiam ili eksidis en iu trankvila angulo. Do ili decidis serĉi por loko, kie ili povu senĝene babili kaj agrable travivi la klubvesperojn.

En Klaus-Groth-Strato, proksime al ĉefstacio kaj Elise-Averdieck-Strato, inter grandaj grizaj ŝtonoj ili trovis konstantan hejmon. Bone ili sciis, ke la tenado de la klubejo kostas multe dum ili enspezis nur malmulte da mono. Ili komencis kolekti donacojn, aĉetis novajn seĝojn kaj tablojn. Plej grave estis la plibeligado de la klubejo. Ĉiuj Esperantistoj helpis en tiu laboro krom Frederik. Li sidis antaŭ la muro, la okulojn fermitaj kaj la klubanoj demandis lin: *Kaj vi Frederik, kial vi dormas? Vi ankaŭ helpu! - Mi ne dormas,* respondis Frederik, *mi kolektas vortojn.* Venontan tagon oni trovis lin sidanta, kun la okuloj duone fermitaj. *Vidu, ĉiuj klubanoj helpas plibeligi, kaj vi tie nur sidas kaj faras nenion!* Frederik trankvile respondis: *Mi ja ion faras: Mi kolektas kolonojn de la membro-ciferoj.* Venis la vintro, kaj la klubanoj diskutis pri aĉeto de nova komputilo kaj multe babilis. Ili sentis sin agrable, ĉar ili havis multon por manĝi kaj trinki. Sed post kelkaj semajnoj la ridoj inter la ŝtonoj malaperis, ĉar la membrocifero estis duoniĝinta kaj ne plu sufiĉis la enspezoj por teni la klubejon. Malgaje la Esperantistoj sidis kune, cerbumis, malŝatis, kaj demandis: *Nu, Frederik, kie estas viaj provizoj, kiujn vi kolektis?*

Frederik grimpis sur la plej altan ŝtonon kaj diris: *Fermu la okulojn!* Li rakontis en belaj vortoj pri homoj, kiuj ŝatas lerni Esperanton. En la Esperantistaj kapoj aperis la vicoj de lernantoj, kvazaŭ ili estus pentritaj. Frederik priskribis la varman senton, kiam gajigas la etoso kaj varmigas verdajn animojn. La pensoj de la Esperantistoj malrigidiĝis, revenis ridetoj sur iliaj vizaĝoj. Frederik rakontis pri nova maniero, paroli unu kun la alia, strategioj kaj subite falis la unua radio de la printempa suno en la klubejon.

Nun la HES-anoj eksciis, ke ne sufiĉas prizorgi manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, farbigi murojn, ordigi librojn, fari lumbildprelegojn, programigi komputilon aŭ kolekti membrojn por stando en ekspozicio. Ili kolektiĝis dum unu semajnfino en la klubejo kaj ne plu babilis pri la travivaĵoj en Greziljono kaj kiel igi la presilon presi supersignojn.

Oni faris planon, pri kiuj temoj oni parolu por akiri novajn lernantojn, kiuj poste fariĝu novaj membroj.

Komence ili cerboŝtorme kolektis la ideojn, kiel ili povus kunagi pli efektive. Oni eldiris ĉiun ajn ideon, ankaŭ se ĝi ŝajnis ne realigebla. Estis malpermesate ion kontraŭdiri aŭ interrompi dum la evoluo de eĉ tro stranga ideo. Anstataŭ interrompi oni alkutimiĝis al skriba notado de propraj ideoj, kiuj enkapiĝis dum evoluo de ideo de alia klubano. Frederik kolektis la ideojn kaj skribis iliajn tezojn sur muran gazeton. Tiuj tezoj efikis novajn ideojn en la kapoj de la Esperantistoj kaj Frederik ankaŭ ilin resume notis sur grandaj paperoj. Kiam ne plu estis novaj ideoj, oni ordigis la proponojn laŭ diversaj subtemoj. De ili oni elektis tri, kiujn oni plej urĝe kontemplis diskutendaj. La klubanoj partigis sin en tri laborgrupoj kaj diskutis pri tiuj subtemoj. Rezulte ili skribis rezolucion kaj prezentis ĝin en la posta komuna plenkolektiĝo.

La HES-anoj renkontiĝis dum pluraj semajnfinoj kaj rezulte ellaboris laborplanon, en kiu estis la celoj, rimedoj, manieroj, personaj respondecoj kaj la kontrolprocesoj por ne maltrafi la celojn. Ek de tiu tempo oni ne plu elparolis nur hazardajn pensojn, sed ankaŭ tiajn, kiuj kontribuis al la komuna celo. Neniu plu havis la senton esti krianta unuopulo en la dezerto sed kontribuanta muzikisto en komuna koncerto.



Dum la klubvesperoj oni denove aŭdis ridadon, interesajn interparolojn kaj eseojn, kiuj allogis kursfinantojn, membriĝontojn. Kaj se ili ne estas vendintaj la klubejon, ili krokodilas ankoraŭ hodiaŭ.

*Fablo de Frank Merlo*